

# Boletín

## de la Federación Española de Esperanto

SALA CAPITULAR



Nº 296 MAJO - JUNIO - JULIO 1990

# "BOLETIN" BULTENO DE HISPANA ESPERANTO - FEDERACIO

Centra Oficejo: c/Rodriguez de San Pedro, 13.-3º.-P-7. 28015 MADRID.-

*** *** ***

Prezidanto:
Antonio Alonso Núñez
Apartado 714
E-15780-SANTIAGO DE COMPOSTELA.

***

Sekretario:
Manuel López Hernández
Apartado 369
E-41080-SEVILLA (Hispanio)
......
Vicprezidanto:
Alberto Franco Ramirez
......
Vicsekretario:
Luis Gil Pérez
......
Kasisto:
Fco.José Nieves Pavón
Pagojn sendu al: H.E.F.
Poŝtkonto nº 14.011.966
Av.República Argentina, 29
E-41011-SEVILLA (Hispanio)
......
Libro-Servo de HEF:
Luis Hernández Garcia
Apartado 119
47080-VALLADOLID.(Hispanio)
......
"Fundacio Esperanto de HEF"
Sekretariino: Inés Gastón
Pº de la Constitución,35.-4º
50001-ZARAGOZA (Hispanio)
......
"Esperanto Fundacio F.Soler"
Direktoro: Juan Fontecha
Duque de Calabria, 4.-2º
E-46005-VALENCIA (Hispanio)
......
-Junulara Sekcio (HEJS)
Prezidanto: Jordi Ferré
Apartado 23484
E-08028-BARCELONA (Hispanio)

Ĉef-Redaktoro:
Antonio Marco Botella
Av.Compromiso de Caspe,27/29.9º.C
E-50002 ZARAGOZA (Hispanio)

*** ***

Redaktoroj kaj kunlaborantoj:
Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutierrez Aduriz


---

Enhavo:



---

Kovrilo:La Monaĥejo de Poblet.
Bonv.legi niajn paĝojn 5/6.-

---

NOTO.- Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

---

# INVITO AL KONGRES - LABOROJ

Karaj geamikoj,

Nia 50ª HEF-kongreso okazos post nur kelkaj tagoj, ĉi-foje en Sant Cugat del Vallès.

Laŭ informo de nia multmerita LKK, pli ol 180 personoj aliĝis, jam unu monaton antaŭ la kongresdatoj. Tia nombro estas klara pruvo pri la graveco kiun niaj kongresoj havas por la laboro kaj vivo de la Federacio.

Aliloke en tiu ĉi numero de Boletín vi trovos informon pri la kongres-programo. Mi pensas, ke la planataj aranĝoj provizos kontenton al tiuj, kiuj jam enskribiĝis, kaj ankaŭ ke ili estos decida logo por tiuj, kiuj ial ankoraŭ ne aliĝis.

Ĉiuj kongreseroj meritus ioman priparolon en tiu ĉi alvoko mia. Sed ĉar la disponebla spaco tion ne ebligas, permesu ke mi min turnu nur al pluraj aferoj, gravaj ne nur por la Kongreso mem, sed ankaŭ por la estonta vivo de la Federacio, tiel ke pri ili ni devos studi, debati kaj decidi dum la kongreso:

- Eventualaj ŝanĝoj en la statutoj de HEF kaj HEJS. (Pri tiu ĉi temo vi trovos oficialan alvokon alipaĝe).
- Studo pri buĝeto kaj enspezo-fontoj.
- Inventaro de niaj fortoj homaj, kulturaj, financaj, organizaj.
- Starigo de strategio, en kiu ĉiu laborpreta persono ricevu taskon difinitan.
- Plialtigo de la nivelo de niaj kongresoj, ktp.

Pri ĉio ĵus citita, kaj pri multaj aliaj aferoj, la estraro ja havas la devon kunordigi kaj laŭeble iniciati. Sed sen la adekvata partopreno kaj kunlaborado de ĉiuj HEF-membroj, tiu estraro nenion povus fari.

Jen kial tiuj ĉi linioj volas esti pli ol nura invito al la Kongreso: ili volas peti de vi ĉiuj tian kongresan kaj eksterkongresan kunlaboradon, kian la estraro bezonas. Kun espero tial pri tiu nemalhavebla helpo, mi salutas vin ĉiujn, nome de la estraro kaj de LKK, ĝis revidiĝo en la Kongreso,

Antonio Alonso Núñez.

# ALVOKO AL LA ĜENERALA KUNVENO DE HEF

HEF-estraro invitas ĉiujn membrojn al ordinara kunveno, laŭ la statuta artikolo nº 25.

Loko kaj dato: En la kadro de la Kongreso en Sant Cugat del Vallés, en sabato, 14a Julio, je la 18a horo.
Tagordo: 1,2,3: Legado kaj eventuala aprobo de la akto de la antaŭa Kongreso, de la Financa Raporto kaj de la Ĝenerala Raporto.
4a.- Kunmetado de buĝeto kaj regularo pri librotenado.
5a.- Estontaj Kongresoj (de HEF en 1991 kaj 1992, Universala en 1993); Antaŭ kaj Postkongresoj.
6a.- Eldonplano kaj buĝeto (libroj, flugfolio, enketilo, varbilo, adresaro).
7a.- Kunlaborado kun eksteraj agadoj (Preuniversitataj Kursoj, asocioj de ĝenerala intereso, ktp.).
8a.- Dosiero pri publika utileco.
9a.- Demandoj, sugestoj, petoj.

La Sekretario

Manuel López Hernández

La Prezidanto

Antonio Alonso Núñez




NOVAĴOJ PRI LA KONGRESO.-

Lastmomentaj informoj de la O.K.K. sciigas nin pri la pozitiva respondo de la Ŝtata Poŝto al la peto uzi dum la kongresaj tagoj specialan poŝtstampilon. Ankaŭ kontentiga estas la alta nombro da aliĝoj al la Kongreso: pli ol 180 personojn jam aliĝis al ĝi.

Oni multe esperas de tiu ĉi Jubilea Kongreso.

# LA MONAĤEJO DE POBLET

*Tiu ĉi Monaĥejo, kiun ni vizitos okaze de la venonta 50a Jubilea Hispana E-Kongreso en Sant Cugat, estis fondita de Ramón Berenguer IVª (1114-1162) grafo de Barcelono kaj princo de Aragono, kaj tuj donacita en la jaro 1149 al la Cistercianaj monaĥoj el Langvedoko (Francio).*

*El arta vidpunkto la anatomio de la Monaĥejo reflektas la spurojn de la arkitektura historio dum sinsekvaj jarcentoj: ekde la komunumaj konstruaĵoj cistercianaj de la 12a kaj 13a jarcentoj, realigitaj laŭ la Bernarda spirito (kiu jam ekmodifiĝas je la fino) oni pasas en la duono de la 14a jc. al la verkoj pli rafinitaj de la abato Copons, kaj en la duono de la 14a kaj la tuta 15a jc. al la apero de la konstruaĵoj ne monaĥaj, sed reĝaj. La preĝejo konsistas el tri navoj, laŭ la sobra stilo cisterciana. La kapiteloj de la klostro prezentas difinitajn influojn arabajn, nome la karakterizajn interplektojn kaj la aperon de vulturoj kaj aliaj bestoj, kaj inter tiuj influaĵoj arabaj estas menciinda la turnilo de la monaĥa salono (13a jc.), hodiaŭ unua salono de la biblioteko. La ĉefretablo de Damian Forment (1526-1531) estas el alabastro, kaj inter la kolonoj subtenantaj la kupolon, sur du duonarkoj, kuŝas la reĝaj tomboj, sesope en ĉiu flanko. Tri grandaj muregoj ĉirkaŭas la Monaĥejon aspektantan kiel fortreso, tamen konservantan la karakterizojn de religia komunumo. Sur la palaco de la reĝo Marteno kaj sur la kapelo de Sankta Georgo, la filigrano de la gotika arto floras en branĉoj*



*donante delikatajn nuancojn al la arkitekturo de la monaĥejo. Pli poste, je la 16a jc. aperas la renesanco en la indikita retablo de Forment kaj en la unua parto de la nova abata palaco; kaj je la 17a kaj 18a jarcentoj, la baroka stilo manifestiĝas en la verkoj de Cardona, Cases Noves, la granda sakristio kaj la fasado de la abata palaco (jaro 1775).*

*Tiu ĉi Monaĥejo estis la plej amata bieno de la reĝoj de Aragono-Katalunio, precipe de Alfonso "la Casta", Jakobo 1ª "la Konkerema" kaj Petro 4ª "la Ceremoniema"; ĝuste tiu ĉi deklaris ĝin reĝa tombejo de la Aragona Krono, kaj tial estas enterigitaj tie la monarĥoj de la Aragona-Kataluna regno. La abatoj de Poblet estis tre riĉaj, influhavaj kaj unuarangaj en la regado de tre vasta regiono kaj en la agado en la katalunaj kortesoj.*

*El intelekta vidpunkto oni povas diri, ke la Monaĥejo, enhavas tre interesan kaj gravan arkivon: En ĝia biblioteko estas ne nur libroj tipe monaĥaj de la 12a jc. kaj aliaj pri juro, sed ankaŭ pri universitata teologio, pri Franciskana spiritualismo kaj verkoj renesancaj de la 14a kaj 15a jarcentoj; poste, ĝi riĉiĝis je pripolemikaj libroj kaj gravaj verkoj de la skolastika skolo. Tiun brilan epokon de kultura riĉiĝo sekvis absolute stagna periodo.*

*Fine, en 1939, la Monaĥejo de Poblet, grave detruita pro multjara senzorgeco kaj ankaŭ pro la civila milito, estis redonita al Cistercianoj venintaj el Italio, kiuj diligente restaŭris ĝin, kaj la reĝaj tomboj, refaritaj de Federiko Marés, komisiita de la Generala Direkcio pri Belaj Artoj reakiris la originan aspekton.*

*Estas rimarkinde kiel signo de la kultura prestiĝo de la Monaĥejo de Poblet, ke la unua postmilita Prezidanto de la "Generalitat" de Katalunio Josep Tarradellas, heredigis sian tre valoran kaj historian arkivon al tiu ĉi Monaĥejo,kiun ni havos la ŝancon viziti dum la venonta Julio okaze de la 50a Hispana Kongreso de Esperanto.*

*Red. laŭ raporto de V.Hernandez*

# ĜENERALA RAPORTO DE HISPANA ESPERANTO - FEDERACIO

pri la periodo 1-7-1989/30-6-1990.

En tiu ĉi mallonga raporto ni povas skizi nur pri la ĉefaj aferoj kaj problemoj:

(a) Ankoraŭ vakas la kasista posteno; tiajn taskojn malvolvas la Sekretario, helpate de aliaj estraranoj. La diseco de la estraro kaŭzas antaŭviditan, tamen plu ĝenan malglatecon de funkciado. La estraro publike kunvenis trifoje tuttage en la C.O. madrida. Abundas korespondado kaj telefonado; sentiĝas manko de telefaksoj.

(b) La plej urĝa kaj nepra tasko de la Sekretario konsistis en ĝustigo kaj ĝisdatigo de sliparo pri ĉiuj membroj de HEF, kontrolo de jam pagitaj aŭ ankoraŭ nepagitaj kotizoj, revarbado de membroj, k.s. La tasko ne estas ankoraŭ finita tamen danke al uzado de komputilo ĉio estos aranĝita baldaŭ kaj, plej grave, preta por ĉiuj celoj (kontrolo, korespondado, ktp.).

(c) Pri "Boletin" ni povas danki kaj gratuli nian ĉefredaktoron, S-ro A.Marco Botella, pro la elstara, altkvalita kaj pli ol akurata tasko plenumita.

(ĉ) En la Madridaj kunvenoj oni detale traktis la temon de HEJS en kunlaboro kun pluraj aktivuloj de la junulara movado, kaj oni venis al bona espero, ke en Sant Cugat ĉiuj problemoj solviĝos.

(d) La estraro decidis pri intima kunlaborado kun la projekto pri Internaciaj Preuniversitataj Somerkursoj en Esperanto. Tamen, ke laŭ organiza kaj financa vidpunktoj, temu pri afero tute sendependa de la funkciado propra de HEF.

(e) Kompreneble, multaj aferoj restas netraktitaj tie ĉi (vivo de la grupoj, studoj pri ecoj de la ekzistantaj lernolibroj, biblioteko, plano por omaĝo al elstaraj esperantistoj, ktp.). Ni tial resendas al la informoj aperintaj/aperontaj en "Boletin", ankaŭ al informado kaj debatoj en la kadro de la Kongreso.

(f) La estraro esprimas sian sinceran dankon al ĉiuj personoj kiuj helpis al la vivo de la Federacio: gvidantoj de diversaj servoj, grupoj, fondaĵoj, de nia centra oficejo, re-

.-...

daktoroj, ankaŭ al tiuj, kiuj sporade aŭ sisteme sendas siajn komentojn, sugestojn, kritikojn aŭ kuraĝigajn bondezirojn por sukceso de la estrarlaboroj.

La Sekretario
Manuel López Hernández

La Prezidanto
Antonio Alonso Núñez

---

# FINANCA RAPORTO POR LA PERIODO 24-7-89/8-6-1990

Laŭ decido en Bilbao, la estraro klopodu pri kompleta kontosistemo. Tia tasko estas komencita, tamen ankoraŭ ne finita. Ni bezonas la helpon de fakulo(j), kiu(j) organizu la sistemon kaj regularon por ties funkciado kiun la estraro poste sekvu kaj obeu. Ni jam nun antaŭdankas ĉian kunlaboron por tiu celo.

a) Oni devas kvantigi pri la havaĵoj de la Federacio, kaj tial ekzakte scii pri nia kapital-situacio, nome, <u>Aktivo:</u> Centra Oficejo, kaso(j), banko(j), materialo enkontigenda, biblioteko, librostokoj, ŝuldantoj,ktp. <u>Pasivo:</u> Kreditoroj, aliaj ŝuldoj, ktp.

b) La spezokonto de Libro-Servo por 1989 jam aperis en "Boletin" nº 295.

c) Provizora konto pri Enspezoj kaj Elspezoj:

<u>Enspezoj.-</u>

| | | |
|---|---|---|
| Membrokotizoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 394.750,- | Ptoj |
| Kotizoj nepagitaj (dependas de revarbado) . . . . . | - - | |
| Dono de Libro-Servo . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 35.000,- | " |
| Pagendaj anoncoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . | - - | |
| Prunto de S-ro A.R.A.N. . . . . . . . . . . . . . . . . | 272.225,- | " |
| Profito kongreso de Bilbao . . . . . . . . . . . . | - - | |
| Provizora deficito . . . . . . . . . . . . . . . . . | 184.383,- | " |
| Sumas entute la Enspezoj. . . . . . . . . . . . . . . | 886.358,- | " |

<u>Elspezoj.-</u>

| | | |
|---|---|---|
| Presado "Boletin" nº 290, 291 (Barcelono). . . . . . | 217.549,- | Ptoj |
| Presado "Boletin" nº 292-93, 294, 295(Zaragozo) . . | 170.616,- | " |
| Stoko leterpapero kaj kovertoj (tri ink.) . . . . . | 72.225,- | " |
| Bankokostoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 12.620,- | " |
| Poŝto,fotokopioj,telefono,telefakso,k.a. . . . . . . | 61.123,- | " |
| Kotizo-ŝuldoj al UEA, ĉirk. . . . . . . . . . . . . . | 80.000,- | " |
| Suldo al S-ro A.R.A.N. . . . . . . . . . . . . . . . . | 272.225,- | " |
| Sumas entute la Elspezoj. . . . . . . . . . . . . . . | 886.358,- | " |

La Sekretario: Manuel López.-La Prezidanto: A.Alonso

# REFUTO DE PLEDADO POR LA UZO DE "CI"

La pronomo "ci" en Esperanto kondutas same kiel la fifama falsa monero -ĝi daúre revenas. En la fruaj 1980-aj jaroj aperis preskaú samtempe artikoloj en "La Brita Esperantisto" kaj "Venezuela Stelo", enhavantaj proponon uzi "ci" en la ĉiutaga Esperanto. Por kontraúbatali tiun anakronisman tendencon mi komencis publikigi ekde 1983 artikolojn kaj studaĵojn prezentantajn la historion de "ci" en Esperanto kaj la sociologiajn cirkonstancojn de la uzo de familiara pronomo de la dua persono (1, 2, 3). Reagoj al tiuj kaj postaj verkoj miaj indikas, ke la apogantoj de ciismo en Esperanto estas obstina bando, kiu ne volas sekvi la konsilon de Zamenhof en Lingva Respondo 87 aú kredi la konstaton de Kalocsay: "La pronomon ci Zamenhof mortigis tuj post ĝia nasko. Mi estas certa, ke ĝi neniam reviviĝos. Ĝi ripozu do en paco!" ("Lingvo, Stilo kaj Formo",1931,pĝ. 91). Bedaúrinde, "ci" ne obeis la admonon de la eminenta hungara esperantologo; ĝi daúre revenas por hanti Esperantujon (4).



Ankaú sur la paĝoj de "Boletin" mi prezentis argumentojn por demonstri, ke "ci" estas balasta kaj senutila superfluaĵo en la nuntempa vivanta Esperanto. Mi rifuzis akcepti ankaú la tezon de tradukantoj, kiu insistas, ke "ci" estas bezonata por fidele esperantigi etnolingvajn tekstojn, en kiuj aperas responda duapersona familiara pronomo. Mi marteladis mian starpunkton, komparante frazojn ĉerpitajn el la hispanamerika romano "Doña Bárbara" de Rómulo Gallegos kun la Esperanta versio tradukita de Fernando de Diego(5). En ĉiu kazo, kiam venezuelaj rolantoj cidiras en la hispana lingvo, la tradukinto igas ilin vidiri en Esperanto. Tiel, la tradukaĵo spegulas la veran lingvaĵon de la Esperanta lingvokomunumo.

En postaj jaroj mi povis neniigi la ciismon eĉ per humuraj kaj satiraj verkoj (6, 7, 8), sed kontraú persista obsedo efikas neniu rimedo. Novaj probatalantoj de "ci", ĝisostaj ciistoj, publikigas siajn opiniojn, jen kun la celo konvinki

aliajn kaj varbi adeptojn, jen por pravigi siajn traduk-principojn.Lastatempe Alberto Franco Ramírez surpaperigis apologion por "ci" en sia artikolo "Konsideroj pri la pronomo ci"("Boletín" n-ro 294, 1989,pĝ. 10-11), kaj la franca esperantisto Georges Lagrange faris la samon en recenzo de teatraĵo de Ibsen ("Literatura Foiro", n-ro 119, 1989,pĝ. 52-53). Sed poste, franclingvulo Gaston Waringhien, pritaksante tradukaĵojn elfrancigitajn de Lagrange mem, opinias, ke tiu ĉi marŝas mistakte, ĉar la "arkaiĝinta pronomo ci" en Esperanto ne povas redoni nuancojn de la responda pronomo en iu detraduka lingvo ("Literatura Foiro",n-ro 122, 1989, pĝ. 17-18). Same rezonas ankoraŭ unu denaska parolanto de la franca lingvo, Claude Piron, kiu malaprobas la trudan uzon de "ci"en skribaj tekstoj, pri kio kulpas Lagrange ("La Bona Lingvo", 1989, pĝ. 97). Li emfazas, ke "ci" ne rolas en la ĉiutaga spontana lingvouzo de parolantoj de Esperanto -tion pruvas magnetofonaj registraĵoj- do ĝia uzo en Esperantaj tekstoj elvokas impreson de strangeco kaj malofteco, kiu ne sentiĝas en etnolingvaj tekstoj, en kiuj troviĝas daŭre uzata duapersona familiara pronomo. Laŭ Piron, ĉi-uzantaj roluloj ne parolas normale. Tiu formo en literatura verko estas pravigebla nur, se oni deziras krei etoson de nenormala medio.

Por doni la finofaran baton al la ciismo, mi citos kelkajn liniojn el recenzo verkita de nederlanda poetino, Rejna de Jong ("Esperanto",aprilo 1989, pĝ. 75): "Ĝenis min nur la daŭra uzo de ci, kiun vorton nia lingvo -almenaŭ laŭ mia sento- tute ne bezonas; nia demokrata vi servas admirinde ankaŭ en la plej intimaj rilatoj!".

Ne preteratentu la vorton "demokrata" en tiu citaĵo. Ĝi klarigas, kial la diferenciga uzo de "ci/vi" neniam enradikiĝis en Esperanto. Richard Schulz ("Pledo por Unueca Lingvo", 1985, pĝ. 54) akcentas tiun proprecon de "vi": "Ĝi estas demokrata kaj facile uzebla. Ĝentileco ne estas afero de speciala pronomo aŭ prefikso. Ĝi estas afero de konduto".

Fine de mia artikolo en n-ro 280 de "Boletín", mi promesis en aparta verko pritrakti ĵenan delikatan demandon: kiel traduki en Esperanton konversacion, en kiu la dialogantoj etnolingve "ĵonglas" per "vi" kaj "ci" por krei emocie ŝarĝitan etoson aŭ por emfazi sociajn diferencojn. Mi elektas kiel fonton de citaĵoj la romanon "Sangre y Arena" de Vicente Blasco Ibañez kaj komparos ĝin kun la esperantigita versio "Sango kaj Sablo", tradukita de Ramón de Salas Bonal.

BERNARD GOLDEN

*** *** ***

Notoj.- (1) La historio de la pronomo "ci" en Esperanto."La Brita Esperantisto", 1983 Majo-Aŭgusto;852-853: 233-234.

## KORESPONDI DEZIRAS...

Veterana elstara esperantisto suferanta parkisonan malsanon, deziras korespondi pri tiu ĉi kuracebla aŭ nekuracebla malsano, speciale kun ĉinoj. Adreso: Luis de Otaola y Faon; str.Amadeo Deprit Lasa, 5.-7º C. 28003-BILBAO.(Hisp.)

***



23-jara polo interesiĝas pri geografio, turismo, lingvoj; dez.kor.kun ĉiuj landoj.Adreso: Adam Kowalski; ul. H.Sawickiej 5/6. 67-400 WSCHOWA. Pollando.

***

17-jara hungarino, komencantino dez.kor.kun hispanaj geknaboj pri vojaĝoj, sportoj, muziko, filatelio.Adreso:Andrea Elekes; ERD 2030;Bajcsyzs u.23;Hungario.

***

Pri mineraloj, vegetajoj, bestoj, bredo de hundoj, moroj, skolta movado dez.kor. Jana Franclikovà;Boviaŝova 856/6; 46006-LIBEREC VI; Cekoslovakio.

---

(Venas el paĝo )

(2) Kial "ci" estas nekonvena."Venezuela Stelo",Marto 1984;31: 9-10- Publikigita ankaŭ en"El Butlletí de l'Esperanto".1984;173: 8-9.

(3)La sociologia bazo de la uzo de "ci"."La Brita Esperantisto".Sept.Okt. 1984; 860: 365-367.

(4)"Ci" -la vorto,kiu ne volas formalaperi."Dia Regno", 1987 Junio; 6: 2819-2820 kaj Julio-Aŭgusto; 7/8: 2825.

(5)Faktoj pri la neuzado de "ci"."Boletín" de F.E.E. 1987 Majo-Junio; 280:4-6. Publikigita ankaŭ en"La Gazeto".1987 Junio;5 (11):20-22,kun ankaŭ hungarlingva beletra teksto.

(6)Leciono pri "ci"(unuakta teatraĵo)."Hungara Vivo".1987;6 (136);216,217. Publikigita ankaŭ en"Fonto".1987 Oktobro;7 (82): 15-19.

(7)Cu ciumi aŭ ne ciumi -tiel staras la demando."Preludo"1988 Aŭgusto; 19: 12-17.Publikigita ankaŭ en"Esperantisto Slovaka",1988;4:12-13.

(8)Hundoj, insultoj kaj la pronomo "ci"."Esperanto Aktuell",1988 Decembro; 8: 7-8. Publikigita ankaŭ en"Bulteno de la Londona Esperanto-Klubo". 1989 Marto-Aprilo: 3-4.

# OFICIALA AVIZO PRI EKSTERORDINARIA GENERALA HEF - KUNVENO

HEF-estraro invitas ĉiujn membrojn al Eksterordinara Ĝenerala Kunveno por trastudo kaj eventuala aprobo de modifoj en la Statuto.

Loko kaj dato: En la kadro de la Kongreso en Sant Cugat del Vallés, en sabato, 14a Julio, je la 16a horo.

La numeroj ĉi-subaj montras la ĝisnunajn statutajn artikolojn. En ili ni skizas pri la amendoj proponataj de la estraro. La membroj rajtas proponi kaj defendi modifojn de tiuj amendoj kaj/aŭ proponi aliajn:

1) La Federacio havas tutŝtatan agadteritoriojn, estas registrita ĉe la "Ministerio del Interior", ne havas profitan celon, ĝia oficiala sidejo troviĝas en la Centra Oficejo, strato Rodriguez de San Pedro, 13.-3ª,P.7, Madrido.

2) HEF oficiale reprezentas siajn anojn antaŭ la registaro kaj aliaj oficialaj instancoj.

3) Maksimuma ordinara buĝeto ĉiujara: 100.000 pesetoj(¿?), 2.000.000.pesetoj(¿?). Maksimuma eksterordinara 10.000.000 pesetoj (¿?)

7) Oficialigo de HEJS-statuto (pri tio HEIS-anoj debatos en la tagoj 11ª kaj 12ª). Voĉdon-rajto de sekcio-prezidantoj.

8) Ne ekzistu familiaj membroj (¿?).

10) Plia kazo por perdo de membreco: eksiĝo fare de la Komitato kun aprobo de Generala Kunsido, pro gravaj kaŭzoj.

11) Voĉdon-rajto de kolektivaj membroj: pere de ilia Prezidanto, tiom da voĉoj, kiom da plenaj individuaj kotizoj ekvivalentas ilia kotizado al HEF.

13) Grupoj, Asocioj, Federacioj kun agadteritorio malpli granda ol la tuta ŝtato, leĝe registritaj en la koncernaj Aŭtonomaj Komunumoj kaj aliĝintaj al HEF: rilatoj, reciprokaj devoj, kotizoj, reprezenteco en HEF-estraro.

14) Elimino de ĝi.

16) Estraro (kiel ĝis nun), plus Komitato (estraro, eksprezidantoj kaj/aŭ eks-sekretarioj, prezidantoj de Federacioj laŭ artº 13,...). Okaze de demisio de iu estrarano, la estraro aŭ komitato elektas anstataŭanton ĝis fino de la koncerna laborperiodo.

17) Elektantoj, laŭ artº 11.

20) HEF-prezidanto rajtas delegi difinitajn aferojn al prezidantoj de Federacioj, laŭ artº 13.

24) La estraro muntu ĉiujaran buĝeton pri enspezoj-elspezoj, bilancon pri havaĵoj aŭ pri aliaj kontoj. Nomumado de sendependaj konto-reviantoj.

Nova.- Taskoj de estraranoj-voĉdonantoj.-

25) Rajto je letera aŭ reprezenta voĉdono(¿?).
27) Enkonduko de oficiala kongresregularo.
28) Informa Fako en la Centra Oficejo.
29) La enhavo de "Boletin" ne kontraŭu la statuton.
30) La gvidanto de Libro-Servo apartenas al la Komitato.
31) Oficialigo de la statuto de "Fundación Esperanto".
Nova.- Muntado de eldona Fako. La gvidanto estas estrarano.
Nova.- Regularo por statut-modifo.
32) Okaze de malfondo, HEF-havaĵoj iru al...("Fundación Esperanto", Muzeo, UEA, aŭ alia institucio).

Aldone al ĉio ĵus dirita, oni eliminos aŭ modifos esprimojn en la ĝisnuna statuto, nekongruajn kun la nuna leĝaro.

La Sekretario
Manuel López Hernández

La Prezidanto
Antonio Alonso Núñez

---

## ESPERANTISTO REE RICEVINTA GRAVAN PREMION

Okaze de la 132a beletra konkurso "Floraj Ludoj de la urbo Barcelono", okazinta la 10an de Majo nunjara, oni liveris la premion "Violo el Oro kaj Arĝento" ĝis nun dotita je 300.000 pesetoj, al la katalunlingva poemo "Proces obert" (Proceso nefermita), kies aŭtoro estas nia samideano Gabriel Mora i Arana, prestiĝa esperantisto loĝanta en Manresa. Ĉar antaŭe li trifoje atingis premiojn (du "Violojn kaj unu "Naturan Floron"), samideano Mora i Arana merite rajtis ricevi la majstrecan titolon "Gai Saber"(Gaja Scio). Laŭ la katalunlingva beletra tradicio, "Gai Saber", estis en la mezepoko majstreca honora titolo pri poezio.

S-ro Mora i Arana ankaŭ estas elstara poeto en Esperanto, plurfoje premiita en Poeziaj Esperantaj Konkursoj,inter ili per Unua Premio en la Konkursoj "Luis Hernández" kaj "Comella-Bassols"(1965), Dua Premio pri Poezio en la Belarta Konkurso de UEA(1968), k.a. Li estas nun Prezidanto de la Internaciaj Floraj Ludoj organizataj en Katalunio.

Ni, tutkore, gratulas la elstaran poeton!!

# PLI DA ALUDOJ KAJ KONKLUDOJ PRI FIASKINTAJ PERIODAĴOJ

*Kvankam sur la unua paĝo de "Boletin" estas averta noto tekstanta "Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem", la redaktoro de la revuo sentis bezonon aldoni du kromajn notojn al mia artikolo "Kial malsukcesis la revuo "Historiaj Studoj"(n-ro 294,Januaro-Februaro 1990, pĝ. 13-15). Nu, tiu sama artikolo malplaĉis ankaŭ al alia redaktoro, sed lia kialo ne estis la sama kiel tiu de S-ro Marco Botella. La unua versio estis sendita al la redakcio de "Der Esperantist", sed publikigo en tiu revuo estis rifuzita,"ĉar oni devas kuraĝi homojn,kiuj prenas sur sin la malfacilaĵon de eldonado de revuo"... Poste, la fiasko de "Historiaj Studoj" pravigis mian kondamnon de la malbone formulita redakcia politiko de tiu periodaĵo.*



*En la fora pasinteco de la historio de la Esperanto-Movado regis tabuo kontraŭ malfavora pritaktado de verkoj en Esperanto. Kiu legas recenzojn publikigitajn antaŭ sep aŭ ok jardekoj, ricevos la impreson, ke ekzistis sinteno inter recenzantoj kaj redakcianoj, ke ĉio, kio estas verda, estas bona. Ĉu ni nun reiru al tiu maniero pritraksi aktualajn kontribuaĵojn al la Esperanta subkulturo? Mi esperas, ke ne! Sed ĉar unu redaktoro tiel pensis, mi devis kolporti mian eseon, ĝis mi trovis pli larĝmensan homon. Mi reliefigu mian startpunkton: la Societo por Studo pri la Historio de Esperanto (SSHE) tiel evidente mispaŝis en la unua numero de sia periodaĵo, ke estis la devo de respondeca recenzanto atentigi pri tio.*

*Ekzistas dua ekzemplo sur la sama tereno, kiu montras, kiel malfacile oni povas krei grandan seniluziiĝon surbaze de nepraktika planado. Kelkajn monatojn post la fondo de SSHE, naskiĝis dua organizaĵo en Julio 1987,kies*

*titolo estas Esperanto-Asocio pri Historio (EAH). Ĝiaj agadoj kaj celo estis anoncitaj en "La Gazeto"(Decembro 1987, n-ro 13,pĝ. 8): "EAH ankoraŭ ne havas propran revuon dediĉitan al historiologio, ĉar ĝi ankoraŭ ne havas sufiĉe da membroj, sed ĝi jam dissendis al la membraro la unuan bultenon entenantan la statuton kaj ĝi uzos sian rajton de asocio de MFKA, por aperigi siajn publikaĵojn logiajn (=homsciencajn) en la MFKa-paĝoj de "La Gazeto", se tiuj prihistoriaj laboraĵoj havas ĝeneralan intereson. Se okazus akumuliĝo de tro da eseoj tre fakaj, interesaj nur por historiistoj, speciala bulteno estos publikigita, se la monrimedoj, do la membrokotizoj kolektitaj, tion permesos. Videblas, ke kiel ĉiuj aliaj asocioj, EAH povas funkciadi nur se ĝi havas sufiĉe da membroj. Ne hezitu, se vi estas amatoro, aliĝi"...*

*Substreku per ruĝa krajono la vorton "amatoro". Nun, pli ol du jarojn post tiu anonco, ankoraŭ ne aperis eĉ unu publikigaĵo de EAH, nek en la formo de artikolo en "La Gazeto", nek kiel speciala bulteno. Ankoraŭfoje entuziasmo ne sufiĉis por efektivigi la belan revon de la amatoraj historiistoj. Kia rekordo! -okazis en la sama periodo la fiasko de du organizaĵoj dediĉitaj al studoj pri la historio de Esperanto. Ili ne fariĝis vivopovaj, ĉar la homoj, kiuj fondis ilin, ne estis sufiĉe kompetentaj laŭ la vidpunktoj de faka scio kaj organiza kapablo.*

*Jorge Camacho agis same, lanĉante novan revuon,"La Mano", sen fari la necesan antaŭan merkat-esploron por ekscii, ĉu tiu periodaĵo estas bezonata, kaj ĉu ĝi povas akiri daŭran financan apogon. Li entuziasme petis min sendi kontribuaĵojn kaj eĉ klarigis, kiel la tajposkrip-toj devas esti preparitaj. Bedaŭrinde, kiam estis evidente, ke la dua numero de "La Mano" ne aperos, li ne degnis informi min pri tio, kaj ne resendis mian artikolon. Tiun konduton mi nomas senrespondeca, kaj li estas riproĉenda same kiel la redaktorino de "Historiaj Studoj". La manko de morala rilato inter redaktoroj kaj aŭtoroj estas misaŭgura simptomo, ke io ne estas en ordo malantaŭ la verda pordo.*

*Novaj periodaĵoj ekaperas en Esperantujo same kiel fungoj post pluvo -kaj ili estas same efemeraj. Kio rilatas al ĝeneralaj aŭ literaturaj revuoj eĉ pli validas*

*en la kazo de specialaj aŭ fakaj periodaĵoj, kiuj havas pli limigitan legantaron. Mi plene samopinias kun S-ro Marco Botella, ke "prihistoria revuo, altnivela kaj kun kompetenta redaktaro estas urĝe bezonata en Esperantujo". Por ke ĝi havu ŝancon de sukceso, estas necese, ke en la redakcio estu kvalifikitaj homoj, kiuj jam demonstris sian kapablon per la propraj artikoloj kaj libroj pri diversaj aspektoj de la historio de Esperanto. Ne estas loko en tia entrepreno por oldiĝintaj veteranoj de la Movado, kies nocio de historiografio konsistas en la sur-paperigo de memoraĵoj pri pasintecaj verdaj epokoj en sia vivhistorio.*

***BERNARD GOLDEN***

---

## LINGVA ANGULO

Hodiaŭ pri: ANKAŬ, NE, EĈ, NUR.

Ĉar tiuj kvar vortoj povas koncerni egale la subjekton, verbon kaj objekton, ili por klareco devas stari tuj antaŭ la respektiva vorto. La sekvaj ekzemploj evidentigas malsamajn signifojn: Ankaŭ li lernas Esperanton (krom aliaj, kiuj lernas ĝin).- Li ankaŭ lernas Esperanton (Krom tio, ke li ĉiam propagandas ĝin).- Li lernas ankaŭ Esperanton (Kiel bona lingvisto, li ne preteratentas ĝin).

***

Eĉ tiu patrino batis la knabeton (krom aliaj homoj).
Tiu patrino eĉ batis la knabeton (ŝi antaŭe skoldis lin).
Tiu patrino batis eĉ la knabeton (krom aliaj pli aĝaj).

***

Ne li trovis la moneron (alia trovis ĝin).
Li ne trovis la moneron ((sed perdis ĝin).
Li trovis ne la moneron (li trovis medalon).

***

Nur li verkas artikolojn (neniu alia faras tion).
Li nur verkas artikolojn (neniam recenzas ilin).
Li verkas nur artikolojn (sed ne eseojn).

Kiam ili koncernas adjektivon, infinitivon aŭ prepozicion, kutime ne okazas eraro: Oni legas ankaŭ malbonajn librojn (krom bonaj).- Li volas nur amuziĝi (ne studi).

LINGVA ANGULO.-

Eĉ en barakoj oni vivas (pro mizero).
Nur belajn rakontojn li ŝatas (ne vulgarajn).
Ankaŭ en vintro oni banas nin (malgraŭ frosto).
Li parolas tute ne bone (neniom).
Li kantas ne tute bone (preskaŭ bone).

Salvador Gumá

---

## ALKOVO AL GVIDANTOJ DE ESPERANTAJ KURSOJ



Por kontribui al la revigligo de la Hispanŝtata Esperanta Movado, precipe de ĝia junulara branĉo, S-ino Terezino Lladós de Mimó, veterana esperantistino el Sabadell, decidis ĉiujare premii, per libro-donaco, tiujn diversurbajn plej diligentajn gelernantojn nialandajn, kiuj, laŭ kriterio de la respektivaj kursgvidantoj, plej sukcese lernis la Esperantajn lecionojn.

La kursgvidantoj povos elekti, por la supozeble unu aŭ du plej distingindaj gelernantoj el siaj klasoj, superan gramatikon aŭ literaturan libron, respektive verkitan aŭ tradukitan de la prestiĝa esperantologo Luiso Mimó Espinalt, bedaŭrata edzo de s-ino Terezino Lladós, kiu liamemore faktigas tiun librodonacon.

Por peto de tiuj tute senpage riceveblaj Esperantaj libroj, ĉiu kursgvidanto bonavole skribu, indikante la verkon elektitan, ĉu gramatikan aŭ literaturan, rekte al ŝia peranto: S-ano Luis Serrano Pérez; c/Font Nova,32 Telefono (93) 727 50 21. E-08202 SABADELL.

*** *** ***

Esperantisto: La Libro-Servo de HEF celas peri al siaj membroj ĉiujn titolojn, kiuj nuntempe estas akireblaj en aŭ pri Esperanto. Estonte, ni aperigos en tiu ĉi bulteno listojn de plej interesaj titoloj kiujn vi povos mendi.

Barcelono.- La Hispana Esperanta Fervojista Asocio komunikas al nia samideanaro sian novan sidejon ĉe la vestiblo de la fervoja stacidomo Clot-Aragó. La klubaj kunvenoj okazas ĉiulunde, de la 17a ĝis la 20a horo. Adreso: HEFA Apartado 15027. E-08080 Barcelona. Hispanio.

***

Bilbao.- En tiu ĉi vaska urbo okazis dum monato Marto la Ĝenerala Kunveno de la loka Esperanto-Grupo. Krom la kutimaj aferoj kaj atenta studo de la financa situacio post la pasinta Kongreso, oni renovigis la estraron konsistantan el jenaj membroj:
Prezidanto: José Luis Bringas Telechea; Vicprezidanto:Tomas Apraiz Riberas; Sekretario: Iñaki Velez Ortiz; Kasisto: Rafael Palao Pons;Voĉdonantoj: Ander Aguilar kaj Jesus Mª Garcia Iturrioz.

Gratulon kaj fruktodonan taskon!!

***




Havano.- Poŝtmarko kaj moneroj okaze de la U.K.

La Ministerio pri Komunikado de Kubo eldonis specialan poŝtmarkon omaĝe al la 75a Universala Kongreso de Esperanto en Havano. Ĝia teksto estas kastilialingva kaj sur ĝi estas desegnitaj babelturo, kolombo kaj la kvin - pinta E-stelo. La poŝtmarko estas longforma kun aldonita glumarko montranta la insignon de la U. K.- Mendoj kaj informoj: Empresa, Apartado 1000, Habana. KUBO.

***

Gijón.- Niaj kolegoj el Asturio jam firme anoncas la 3an Asturan Esperantan Kongreson okazontan en Gijón, de la 12a ĝis la 13a de Oktobro 1990. Laŭ la provizora programo evidentiĝas la intereso de la anoncita Kongreso.

***

# "LA MAGO. Agregaĵoj kaj pantunetoj"

*Rikardo Ŝulco. Esperanto-Centro Paderborn, 1989.-213 paĝoj; 13,5 x 20,5 cm. ilus. ISBN 3-922570-61-5. Fiksformaj versaĵoj pri plej diversaj temoj apud desegnaĵoj de la aŭtoro mem. 24,60 guldenoj.*

*PRIPOEZIAJ MEDITOJ...*

*Mi petas al miaj legantoj senkulpigon, ĉar mi, ne pretendante recenzi la supre indikitan verkon, iel tion faras.*



*Recenzi estas fari mallongan kritikan raporton pri verko ekzamenante ĝiajn bonajn aŭ malbonajn ecojn, sed mi ne faros tion, mi pasos super ĝia enhavo kvazaŭ forfluge, ne perdante ĝin de mia perspektivo, tamen ne plenumante tiujn prijuĝajn taskojn proprajn al recenzisto. Konsideru do ĉi tiujn liniojn mankajn je rigora intenco, nur kiel iom fantazian mediton pri tiu eterna temo, ĉiam antikva kaj ĉiam nova, kiun oni nomas poezio... kaj tie, sur la fono, kuŝas la libro de poemoj de Rikardo Ŝulco.*

*Fakte, mi ne scias kion pli admiri en tiu libro "La Mago" de R.Ŝ. ĉu lian talenton por elpensi tiom da interesaj ideoj, la geometrian ĝustecon de ritmo kaj rimo de la versoj, aŭ lian perfektan regadon de la lingvo, en ĉi tiu kazo de Esperanto. Ŝajnas kvazaŭ li delikate teksus per vortoj fajnan brokaĵon kaj ne verkus versojn...*

*"La Mago" estas kolekto da versaĵoj sub la versformo de pantunoj. Pantuno estas: "fiksforma poemo, el nedifinita nombro da kvarversaj rimkrucaj strofoj, inter kiuj regas tia ligiteco, ke la dua kaj la kvara versoj de ĉiu strofo ripetiĝas kiel la lasta; krome la unua duono de ĉiu strofo*

*prezentas kontinuan priskribon, metafore respondan al la sento esprimita en la dua duono de ĉiuj strofoj" (PIV).*

*Mi bone komprenas R.Sulcon kiam li diras, ke tiu versformo fascinas lin, ĉar sen tiu profunda inklino ne eblas konstrui tiajn poemojn. Efektive, legante la poemojn kiujn li kreas, oni konstatas ke li regas tiun versformon, plenumiĝas rigora ritmo, kaj la rimo aperas en ĉiu verso kvazaŭ spontane, kiel akvo ŝprucas el fonto, kun la ĝusta vorto kaj ĝia ekzakta longeco por ne rompi la ritmon...Mi ne povas eviti la tenton reprodukti por vi, karaj legantoj, unu el tiuj pantunetoj, ĝuste tiun kiun la aŭtoro dediĉas al nia karmemora samlandano Ludoviko Mimó (paĝo 47):*

*LUDOVIKO MIMOO.-*

*Mimo' hejmiĝis en la gramatiko.*
*Li montras de la lingvo vundajn lokojn.*
*Li flamaglave tranĉas per logiko.*
*Samideane li provokas ŝokojn.*

*Li montras de la lingvo vundajn lokojn.*
*Starante firme sur la Fundamento.*
*Samideane li provokas ŝokojn.*
*Kaj miras pri mondvasta prisilento.*

*Starante firme sur la Fundamento.*
*Kolono estas li de lingvistiko.*
*Kaj miras pri mondvasta prisilento.*
*Mimo' hejmiĝis en la gramatiko.*

*Kiam mi priskribis en la antaŭaj paragrafoj miajn impresojn pri la libro de Sulco, mi komentis kun entuziasmo, pri la strikta observado de la metrikaj reguloj, pri la esprimoj gramatike ĝustaj kaj la geometria precizeco de rimo kaj ritmo de la versaĵoj, sed...ĉu tio estas kio plej gravas kiam oni legas libron de poemoj? En mia opinio,ne! Kaj tuj mi konfesas mian eraron lasante min gajni de tiom da ĝusteco, kaj ne prijuĝante unue tion kio devas esti fundamenta kiam oni legas tian libron: ĝia poezio.*

*La poezio estas en la medolo de ĉiu libro de poemoj kiel la vera "leit-motiv" de ĝia ekzisto. Poezio estas, antaŭ ĉio, ekzalto de beleco, arto por komuniki emociojn per lirikaj resonoj, elvoko de certaj estetikaj ideoj*

*kaj bildoj muzike esprimitaj..."bela imito de naturo" diris Aristotelo;"muzika penso" asertis Carlyle; kaj Verlain konfirmis "antaŭ ĉio muziko". Platono konsideris la poezion entuziasmo, kaj Horacio nomis la poetojn"interpretistoj de dioj"... sed, ĉu poezio, malgraŭ la respektinda opinio de la cititaj eminentuloj, estas difinebla? Iam mi legis kolokvon de du gloraj hispanaj poetoj: Gerardo Diego petis al Garcia Lorca precizan difinon pri tiu koncepto, sed la koloso de la hispana poetiko, Lorca, konfesis sincere ne scii kion respondi... Al sama demando de belega knabino, la brila Becquer nur sciis romantike respondi: ...poezio estas vi! Eble, mi, kaj multenombraj aliaj apudmediteraneaj homoj nin sentas tute identigitaj al la menciitaj difinoj, sed, ĉu ni rajtas liliputigi la koncepton poezio laŭ la sentiveco de homoj naskiĝintaj en unu aŭ alia loko de nia planedo? ...ĉu poezio ne estas ankaŭ la ritmo admirindaj de la versoj de R.S. aŭ la rimo eksterordinara de liaj poemoj kiujn ni tiel malfacile perceptas? Sendube, ni, esperantistoj, homoj apartenantaj al kultura minoritato aspirantaj al universaligo de multenombraj ideoj kaj sintenoj, jam devus esti proklamintaj nian rezignon al certaj kulturaj ekskluzivaĵoj, kiujn granda parto de okcidentanoj alpropriĝis al si antaŭ longe, kaj definitive malfermi nin al ĉiuj kulturoj, opinioj kaj sentoj de homoj kaj popoloj de aliaj areoj de nia planedo. Kaj aplikante nian sugeston al nia hodiaŭa temo neniel enfermi en kadukaj striktaj formuloj koncepton tiel malfacile difineblan kiel poezio...*

*Jes, poezio estas tiuj opinioj de la menciitaj eminentuloj, sed ankaŭ la geometria ĝusteco de la poemoj kiel tiuj de Sulco, aŭ la mirinda harmonio de la funkciado de tiom da mondoj en la senfinaj spacoj...*
*...kaj tiu nedifinebla rumoro de la misteraj afrikaj arbaroj, ...kaj la helo nepriskribebla dum certaj polusaj noktoj, ...aŭ tute simpla rideto de infano revanta...*

*Ortega y Gasset, la plej brila filozofo de la unua duono de tiu ĉi jarcento, trafe asertis,ke "la poezio, kaj ĝenerale la arto, nebremseble evoluas laŭ progresanta perfektiĝo, t.e. eliminante el sia interno ĉion kio ne*

*estas pure estetika". Penso, kiu inklinigas min dedukti, ke la supre indikitaj difinoj, kiujn mi tiel fiere citis, ne plu respondas al moderna koncepto pri pura poezio...*

*Cetere, la libro de poemoj "La Mago", estas admirinda sub diversaj vidpunktoj, el kiuj kelkajn mi jam substrekis. Tamen, tiu ne estas opinio de fakulo.*

*Se iu, aŭ multaj el niaj legantoj demandus min, ĉu estas konsilinde akiri la libron, mi, senhezite rekomendus aĉeti ĝin. Meritoj tute ne mankas al ĝi, kaj tial, mi, tute sincere gratulas ĝian aŭtoron: Dankon!*

*Antonio Marco Botella*

---

# Lirikaj Paĝoj

FEDERIKO GARCIA LORCA.

## LA POETO PETAS SIAN AMON AL LI SKRIBI.

Amo de l' sino, morto vivo plena,
atendi vane vian skribon ritas,
kaj, kun la ŝrumpa floro, mi decidas
vin perdi, ol je mi vivadi sena.

Senmortas la aer'. La ŝtono splena
la ombron ne ekkonas nek evitas.
Por ena koro tute ne profitas
frosta-miela verŝo lun-devena.

Sed mi suferis vin, ĉi vejnojn ŝiris,
-tigro-kolombo- sur talion vian,
dum mordoj kaj lilioj am-turniris.

Per vortoj ŝtopu, sekve, folon tian
aŭ lasu min kie l' anim' akiris
serenan nokton en obskur' por ĉiam.

(El la kolekto "Sonetoj pri la obskura amo")

Trad. Miguel Fernández Martín

## DIVERSAJ...

Atentindaj notoj.-

La Prezidanto de HEF kaj eventuale alia(j) estrarano(j), troviĝos en Sant Cugat ekde sabato, 7a de Julio 1990. Dum la tagoj 7a, 8a, 9a kaj 10a ili volonte akceptos ĉiujn esperantistojn, kiuj tien venos en tiuj fruaj tagoj por trakti la aferojn kiujn ili volos prezenti al ili. Se bezone aŭ utile, oni antaŭ interkonsentu ĉu per skribo al LKK, ĉu per skribo aŭ telefono al la Prezidanto mem (Apartado 714; 15780 Santiago de Compostela; Tel. 981/598005.

*** *** ***

De la 1a de Julio ĝis la 31a de Aŭgusto la LIBRO-SERVO de HEF ne fukcios pro somerferioj. Tamen, tiuj kiuj partoprenos en la Hispana Esperanta Kongreso en Sant Cugat povos tie aĉeti librojn, ĉar la respondeculo de la Libro-Servo de HEF zorgos pri la kongresa libro-servo.

Bonvolu ne sendi urĝajn mendojn dum la indikita periodo, ĉar, bedaŭrinde, ni ne povos ilin plenumi.

*** *** ***

SABADELL.- La 23an de Aprilo, okaze de la tradicia festo de Sankta Georgo, la Sabadell-a KAE-Delegacio starigis libro-standon en strato de tiu ĉi urbo dum la tuta tago. Prizorgis ĝin nia samideano Luis Serrano Pérez.

En sama urbo kaj en la kadro de kvartala festo okazinta la 2an kaj 3an de Junio, KAE organizis Ekspozicion de Esperantaj glumarkoj, el la kolekto de samideano Josep Cervelló, kune kun dudeko da elektitaj Esperantaj verkoj kaj diversaj revuoj kaj prospektoj niamovadaj. La loka televido kaj gazetaro vaste informis pri ĝi.

*** *** ***

22-jara iranano,jus eklerninta Esperanton, dez.kor.kun gehispanoj: Saied Nasr;Lorestane Alley nº 83/18346;Av.First Square. Khazane Bokharai. Tehran. Irano.

*** *** ***

16-jara hungaro dez.kor.kun gehispanoj pri astronomio,naturo kaj kulturo.Adreso:Sáñdor Szitártó; H-6000 Kecskemet; Gözható u 7. Hungario.

# Fundacion Esperanto



Pritraktante la ĝeneralan strategion de la movado en sia letera interligilo "Farendaĵoj", la nuna HEF-prezidanto, S-ro Alonso, trafe skizis la du ĉefajn sintenojn nuntempe ekzistantaj per la sekvaj vortoj: «Mi opinias, ke ekzistas jenaj ekstremoj: klopodi ke la sociaj kaj politikaj instancoj (edukaj, k.s.) prenu sur sin la aferon esperantan; alia: fajfi pri instancoj, kaj plu fosadi nian sulkon, tiel ke la graveco de nia kulturo kaj de nia fakta internacia vivo trovu ĉiam pli da imitantoj, kaj per ĉiam pli ampleksa ondo ni fariĝu ĝenerala socia fakto, sen bezono de instancoj, ktp.» Iom poste, nia prezidanto malkaŝe asertas , ke li tute klare apartenas al la unua skolo. Cetere, li ankaŭ esprimas sian konstaton ke «fakte, dank' al sinergio inter tiuj celoj ni viviĝis kaj evoluis». Guste en ĉi lasta frazo troviĝas ŝlosila vorto: sinergio.

Tial ke la nuna strategio de Hispana Esperanta-Federacio pli malpli ligiĝas kun tiu unua skolo kaj ke, ŝajne evidentiĝas ke la tuta estonteco de la esperanto-movado ne povas dependi de la eventuala ricevado de eksteraj monrimedoj (subvencioj, ktp) kiuj, en la plej malbona okazo, povus ne alveni, la vorto sinergio sugestas al ni esplorindan vojon. Laŭ ĝi, Hispana Esperanta-Federacio disvolvus sian strategion surbaze de difinitaj prioritatoj, dum alia organizaĵo zorgus pri starigo de stabila financa strukturo kiu ebligus daŭran agadon, eble malfortan, sed samtempe certan, ĉe ajnaj cirkonstancoj de la enlanda movado.

Ŝajnas logike pensi ke ambaŭ organizoj devus kiel eble plej intime rilati inter si kaj reciproke kunlabori por la plej kontentiga plenumo de la respektivaj celoj. Feliĉe, nia movado havas je sia dispono tiujn instancojn: la unua, kompreneble, estas Hispana Esperanta-Federacio; la alia estas FUNDACION ESPERANTO. Ambaŭ organizaĵoj havas la saman prezidanton, ĉar laŭs-

tatute la prezidanto de Hispana Esperanta-Federacio aŭtomate fariĝas prezidanto de FUNDACION ESPERANTO.



Sed, kio estas FUNDACION ESPERANTO? FUNDACION ESPERANTO estas la fondaĵo de Hispana Esperanta-Federacio.

Pro praktikaj kialoj iama HEF-estraro decidis ke starigo de fondaĵo estis bezono kiun la movado ne devus preteratenti. Tial Hispana Esperanta-Federacio kreis fondaĵon bonfaran kaj klerigan sen profita celo, oficiale agnoskitan de la Ministerio pri Edukado kaj submetitan al ĝia kontrolo.

Ofte oni ligas la ideon de ekzisto de ajna Fondaĵo kun la fakto ke ĝi estas institucio kun multmiliona kapitalo kiu disdonas subvenciojn aŭ plenumas helpopetojn per abunda mono. Tamen, kiam temas pri esperantaj institucioj oni nepre bezonas ligi tiun penson kun la realo de niaj propraj financaj rimedoj.

Ni opinias ke ĝuste pro tio oni devas esti eĉ pli konsciaj ke la movado dependas «unue» de si mem. Tio, laŭ nia supozo, signifas ke la esperantistaro devas klopodi antaŭenigi FUNDACION ESPERANTO-n. Tial, niaj sugestoj devus servi por signife altigi ĝian kapitalon, kaj trovi kiamaniere plej favore investi ĝin kaj solidare distribui subvenciojn por indaj movadaj projektoj.

Sekve, ni opinias ke unu el la ĉefaj movadaj prioritatoj estas ĝuste la potencigo de FUNDACION ESPERANTO.

JUAN AZCUENAGA
kaj
MIGUEL GUTIERREZ



